FONDITA en 1908 - TRIA SER
32a Jaro - No 224 - FEBR. 196

# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

## FRANCA ESPERANTISTO

34, Rue de Chabrol. Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.

### KONGRES-ERO

La programo de la Nacia Kongreso mencias la prezentadon de la filmo ANGOROJ. Krom por malgranda rondo da inicitoj, tio estas novaĵo senaverta aŭ preskaŭ.

Fakte, tiun produkton ni komencis en januaro 1963, kaj ĝi ankoraŭ postulos multajn zorgojn. La lastaj filmadoj ĵus finiĝis - en januaro 1964-sed longaj flankaj teknikaĵoj, kvankam gravaj, restas farotaj - muntado enregistro de l'muziko, ktp...

ANGOROJ ne estos propaganda filmo La vorton "Esperanto" oni neniam aŭdos tie. Sed tie ĝi vivos forte, kuraĝe, ne ĉiam elegante... ĉar iom slange. Ankaŭ ĝi ne estos adapto de nacia bendo, plimalpli akrobate post sinkronizita per provmaterialo. Nek muta filmo kun komento.

ANGOROJ estos la unua longa filmo originale elpensita kaj realigita EN Esperanto, per ĉiuj kapabloj de moderna tekniko, por klasikaj aparatoj (optika sono). Originalaj estos la rakonto, la dialogoj, la ludado kaj la muziko de RENE TEXIER. La aktoraro estos escepteca, ĉar ekster la grava partopreno de la I.A.T. per J. RAVŜELJ kaj S.FLEGO ni aplaŭdos nian bonan amikon M. DARNAULT kaj renkontos survoje plurajn figurantojn kies nomojn ĉiuj konas: Y.FLORIS, SCHWARTZ R.BERNARD, DUC-GONINAZ, J. THIERRY, J. ROUSSEAU, E. GAUDRY, ktp...



Prof. WARINGHIEN pruntedonis sian voĉon por la komencaj paroloj de prezentado kaj la tuto honorigate ricevis la aŭspiciojn de U.E.A.

Tiu provo prezentis grandan riskon. Estonteco elmontros per la rezultoj ĉu tiu sperto meritis la esperojn, kiujn ni konstruis sur ĝi.

J. L. MAHE

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**SECRETARIAT : Mlle Y. PAULIER** - Le secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h à 12h et de 14 h à 18 h.( sauf dimanches et mardis ). Pour toute réponse, joindre un timbre ou une enveloppe timbrée à votre adresse. Pour tout envoi d'argent précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.

**REDACTION : M. Jean THIERRY** UFE 34 rue de Chabrol - PARIS (10 ème) .
Téléphone : PRO. 55-03

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction ( double interligne ). **Tous les articles ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

**COTISATIONS** : Le détail en a paru dans le précédent numéro.


xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

E N H A V O



KOMUNIKO DE FRANCA ESPERANTO INSTITUTO

En la programon de la ekzameno, pri PEDAGOGIA ATESTO estas ĉi jare aldonitaj la verkoj "Leteroj de Zamenhof" kaj "Vojaĝo al Kazoñinio".

==================================

REMERCIEMENTS

DEPUIS plusieurs mois, lesvisiteurs du "samedi", rue de Chabrol pouvaient voir notre ami TABERNAT - le marteau ou la scie en mains soit au plafond ou au plancher, en train de travailler avec persévérance.

Nous pouvons maintenant, admirer son excellent travail:de grands placards qui ont remplacé d' anciens meubles hors d' usage, et qui vont sans doute libérer d' autres espaces pour le rangement de la bibliothèque

Nous lui adressons tous nos plus vifs remerciements, sans omettre de préciser qu' il a réalisé non seulement un travail considérable, mais qu'il en a fait don à l'Association.

Cela valait bien d'être mentionné ici.




49a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

HAGO -1-8.8. 1964

kies alta protektantino estas ŝia Moŝto JULIANA, reĝino de NEDERLANDO.

KOTIZOJ: Ĝis la 3la de marto, la kotizoj estas jenaj:

Kongresano................ F. 63,oo
Edz(in)o de Kongresano.... F. 32,oo
Junul(in)o ĝis 20 j. ..... F. 24,oo
Gestudentoj (20/30 j.) ... F. 40,oo
Blindul(in)o.............. F. 32,oo

FOTO-KONKURSO: Ankaû ĉi jare okazos foto-konkurso por foto-amatoroj. Por la gajnontoj estas antaûviditaj premioj. La temo de la konkurso estas : "Freneze mi amas la naturon, ĉu nur pro tio,ke dum longa tempo mi ne povis elŝovi la nazon eksteren" (Taglibro de Anne Franck).

INFANA KONGRESETO: La aliĝoj por la 9a Infana Kongreso estas riceveblaj; la kotizo estas 59 F. Du aû pluraj infanoj de unu familio pagas po 52 F. Ĉar estos akceptita limigita nombro da infanoj, estas konsilinde sendi la aliĝojn kiel eble plej baldaû.

SCIENCA KONFERENCO: En la kadro de la U. K. okazos la Dua Internacia Konferenco pri la Lingva Problemo en la Scienco. La celo de tiu ĉi Konferenco estas studi la lingvan problemon en la scienco. Ankaû neesperantistaj kvalifikitaj sciencistoj povas partopreni.

STATISTIKO: Je la 3I.I2.I963: I44I personoj aliĝis al la Kongreso (lastjare: 1069). Inter ili pli ol 100 francoj.




56a NACIA KONGRESO DE ESPERANTO

PARIS - I6/I8.V.I964

KOTIZOJ: Nun ili estas por:
Kongresan(in)o.............F. 10,oo
Edz(in)o de Kongresano.....F. 6,oo
Honora aliĝo (sen partopreno) 6,oo

ALIĜILO - Ĝi aperis en la n°223a de Franca Esperantisto kun la detalita programo.

EKSKURSOJ: Pro la nombro da sidlokoj en la restoracio, la lundan ekskurson povos partopreni ne pli ol 100 personoj.

LIMDATOJ: Aliĝo al la kongreso ĝis : 30-a de aprilo; rezervado de ĉambroj NUR ĝis la 3la de marto.

ORATORA KONKURSO:

1-Estas malfermita al ĉiuj gejunuloj ĝis tridek jaroj oratora konkurso, kiu okazos la 17-an de Majo 1964 dum la 56-a Nacia Kongreso en Parizo.
2-Ĝin prezidos juĝantaro kiu konsistas el S-ino Jana FLEGO, D-ro A. ALBAULT kaj P-ro M. DUC-GONINAZ.
3-Ĉiu partoprenanto disponos je dek minutoj por pritrakti SEN NOTOJ unu el la jenaj temoj laûplaĉe elekteblaj:
-Kiun sporton vi preferas? Kial?
-Ĉu vi pli ŝatas teatraĵon aû filmon
-Montru la utilon kaj neceson de la profesio, kiun vi deziras elekti.
4-Estos atribuitaj laû la merito kaj nombro de la partoprenantoj, unu, du aû tri premioj: la unua estos la lastaperinta luksa libro de la "DIA KOMEDIO" de Dante.
5-La Kongresa Organiza Komitato altiras la atenton de ĉiuj kursgvidantoj kaj instruistoj, por ke ili instigu siajn kapablajn gelernantojn partopreni la konkurson.

## OFICIALA ANTAU-KONGRESO EN BRUSELO

(30-a de Julio - I-a de Aùgusto)

La oficiala Brusela Antaùkongreso oferos al la esperantistoj survoje al HAGO la okazon pasigi tagojn en feria esperantista atmosfero, montrante tamen al la vizitontoj nekonatajn aspektojn de la belga urbo.

Adreso: 13 rue de la Reinette - Bruselo (Belgujo)

Kotizo: 10 Fr.Fr. rajtigas partoprenon en akceptoj, sed NE inkluzivas manĝojn nek ekskursojn nek loĝadon.

Nuligo: akceptebla malpli 15% por la administraj elspezoj, ĝis la 30-a de junio 1964.

Pagoj: per banko al "Esperanto-Antaù Kongreso"- S-ro SCHUMACHER - Banque de Bruxelles - konto: A/05-I2909.

Loĝado: Vojaĝagentejo zorgos la ekzaktan plenumon de loĝ-mendoj de la partoprenontoj. Estas antaùviditaj komuna loĝejo k. hoteloj.

Programo (provizora): Akceptoj en la Erasma - Domo, kaj ĉe la Teraso Martini, sur la 29a etaĝo de nova nubskrapulo.
Vizitoj tra Bruselo, al la Beginejo de Anderlecht, mezepoka abatejo de la Cambre, Bankedo kun eventuala balo. Speciala programo por virinoj.

xmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxm

Le Comité Français d' Information sur l'Espéranto a adressé ses vives félicitations à M. M.GENEVOIX, Secrétaire perpétuel de l' Académie Française, à l' occasion de son élévation au grade de Grand-Croix de la Légion d'Honneur.M.GENEVOIX est membre du Comité de Patronage du Comité Français d' Information et du Comité de Patronage du 56ème congrès d'Espèranto.

## 3-a KULTURA SEMAJNO EN GRESILLON

arangîta de U.F.E. kun la patronado de la Ministerio pri Nacia Edukado

de la 31-a de Marto

ĝis la 7-a de Aprilo 1964

### PROGRAMO

31/3 - Alveno de la partoprenantoj kaj interkonatiĝo.

1/4 - A. RIBOT: Responde al kelkaj argumentoj kontraù Esperanto.
I.LAPENNA: La ĉefaj klasikaj lingvoj
R.BLANC: "Balkanoj, malnova kulturloko".

2/4 - I. LAPENNA: Retoriko
R. BLANC:Kutimoj kaj tradicioj de la Oriento.

3/4 - A. ALBAULT: La okulo, necesa organo.
A. FRANGEUL: Pri U.N.E.S.K.O.
J.ROUSSEAU:Malmö-Parizon per bildoj.

4/4 - B.CHEVERRY: La fortika Kastelo en la socia vivo de la Mezepoko.
J.GUILLAUME:Unu monaton ĉe la bordoj de l'Nilo.

5/4 - Ekskurso al la Loire-Kasteloj.

6/4 - M.MOTILLON: Leonardo da Vinci en Turanio
B. CHEVERRY: El historio al legendo en Loire-valo.

7/4 - R.LLECH - WALTER: Pedagogio de publikaj kursoj.
J. THIERRY: Pri kelkaj romanoj skribitaj en Esperanto.
R. BLANC: La Centro de Francujo, tia kia ni prezentis ĝin en Bulgario.

La vesperaj eroj de la programo estas kun lumbildoj. Konversaciaj kursoj, ludoj okazos ĉiutage .../..

## PRELEGVOJAĜO EN KVAR FRANCAJ DEPARTEMENTOJ

Inter la 18a de Novembro kaj la 9a de Decembro 1963 mi vizitis 4 francajn departementojn: GERS, LANDES, OISE kaj LOIR-et-CHER por prelegi pri Esperanto en la ŝtataj lernejoj; jen la rezultoj atingitaj (la interkrampaj ciferoj estas la nombro da ĉeestintoj):

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| GERS | Auch | (343) | OISE | Senlis | (270) |
| | Lectoure | (197) | | Creil | (211) |
| | Mirande | (375) | | Beauvais | (272) |
| | | | | Compiègne | (287) |
| LANDES | Aire | (80) | | Noyon | (30) |
| | Dax | (110) | | | |
| | Mont-de-Marsan | (442) | L.&.Ch. | Blois | (100) |

Kvankam jam de kvin jaroj mi faras tiujn prelegojn pri Esperanto unuafoje dum ĉi tiu trimestro, mi renkontis tiel grandajn simpation kaj fidon al nia lingvo, ke almenaŭ ok lernejestroj aŭ instruistoj petis de mi la kreadon -en siaj lernejoj- de esperantista klubo.

Tiu demando estis pritraktita dum la kunveno de la Konsilio de nia Nacia Asocio: ĝia prezidanto S-ro LLECH-WALTER kaj mi promesis klopodi tiurilate, kvankam la malfacilaĵoj estas diversaj kaj grandaj.

La unua celo de tiuj kluboj estos helpi la gelernantojn lerni Esperanton precipe en la lernejoj, kie neniu instruisto estas disponebla. Poste, la nove bakitaj Esperantistoj devos trovi en tiuj kluboj ĉiujn oportunajn rimedojn por praktiki kaj uzi la lingvon laŭ siaj propraj interesoj: korespondado, alilandaj restadoj, magnetofona servo, legado, filatelo, ktp...

André RIBOT

N.D.L.R. Ĉi tiu preleg-agado estas tre grava: ĝi antaŭe preparis k. plu preparas la terenon en la lernejoj, dank'al kiu preparado estis ebla la multigo de la kursoj kaj la estigo de la "Kulturaj Semajnoj".

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxo

Aliĝkotizo: 10 Fr pagotaj al U.F.E.

Por la restado en la kastelo aŭ en Baugé, sin turni rekte al S-ro MICAR Kulturdomo de Grésillon

Senpaga restado estas oferdonita al gelernantoj de la Esperanto - Kursoj okazantaj en la Seminarioj. La profesoroj interrilatu rekte kun S-ro BLANC "Esperanto" en Sancoins (Cher)

Por pliaj informoj, sin turni al la respondeculo de la 3-a SEMAJNO: S-ro R.LLECH-WALTER prezidanto de U.F.E.

### GEEDZIĜOJ

Maria ĈISARIKOVA kaj Anton ZACHARIAS (Bratislava-Trnavka, V zahradac 1389 pri Ivanskej ceste 9) geedziĝis la 11-an de Jan. 1964. Ili anoncis tion per dulingva (ĉeĥa k. esperanta informilo.

Nia bona kaj malnova amiko Léon BELHOSTE, el Fontenay - sous - Bois, reedziĝis.

Al ĉiuj ni sendas niajn varmajn kaj sincerajn gratulojn

PRIPENSU jam KRISTNASKAN DONACON....
-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:--

Temas pri kalendaro grandformata, (30 x 42 cm) kun koloraj pentraĵoj pri birdoj, bestoj, kaj detala priskribo en germana kaj ESPERANTA lingvoj. Preso kaj teknika laboro estas bonegaj. Oni povas nomi la eldonaĵon preskaŭ luksa.

Pro tio ke la eldonisto estas preta vendi la kalendaron al esperantistoj sen profito (nur 5 F.F.), la esperanto-movado havas taskon ne preterlasendan, eluzi tiun oferton. La eldono de 1964 pritraktis jenajn bestojn: linko, tadorno, kuniklo , kardelo, ĉashundo, apro, nigra pego, blua korniko, foino, pilgrima falko, granda botaŭro, tetraono.

Pripensante viajn krist-naskajn donacojn por venonta krist-nasko, konsideru tiun kalendaron, ankaŭ por neesperantistaj geamikoj ĝi estas nepre taŭga.

Bonvolu montri vian intereson per almenaŭ poŝt-karto al S-ro ROUSSEAU, 34 rue de Chabrol - PARIS. Antaŭmendoj por 1965 devas atingi la supran adreson antaŭ venonta SEPTEMBRO.

mmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmm

N E K R O L O G O
================

La 22-an de decembro 1963 mortis, en Riedisheim, S-ro LIENHARDT Philippe, en la aĝo de 84 jaroj. Li estis la patro de nia samideano Albert Lienhardt el Mulhouse.

La 1-an de decembro 1963 mortis, en Vanves (Seine), S-ro Louis COZIC, ankaŭ en la aĝo de 84 jaroj.

Al ambaŭ familioj ni sendas niajn plej korajn kondolencojn.

oooooooooooooooooooooooooooooooooooooo

KUNSIDO de la KONSILIO de U.F.E.
la 8-an de Decembro 1963 en Parizo
==================================
(ekstrakto)

1) La propono de S-ro BERLOT pri reklam - enketo ĉe la publiko estas transdonita al D-ro Maillard por plia studado.

2) La raporto de la kasisto estas akceptita post kelkaj klarigoj. En la buĝeto de 1964 la jenaj eroj estis principe akceptitaj: Foiro de Parizo: 200 Fr., Reorganizo de la Biblioteko: 300 F. Eksteraj Rilatoj: 300 F.

3) La konsilio decidis aranĝon de la TRIA KULTURA SEMAJNO en Grésillon kun senpaga partopreno de gelernantoj; la ĉeesto de plenkreskuloj estas dezirinda,

aprobis la proponitan programon por la 56-a Nacia Kongreso okazonta en Parizo; la aliĝilo aperos en la januara numero de la revuo, kaj oni aperigos en alia numero la nomojn de la personoj kiuj kandidatiĝos kiel konsilianoj de U.F.E.,

aŭdis pri projekto de Karavano al HAGO, starigota depende de la nombro da interesatoj.

4) S-roj BLANC kaj LLECH-WALTER parolis pri la lastaj rezultoj atingitaj en la diversaj lernejoj kie Esperanto estas (nedevige) instruata.

5) S-ro THIERRY prezentis la sistemon de aperado por R.F.E.: 4 presitaj numeroj kaj 6 ofsetaj numeroj.

6) La projekto de S-ro GOUGET por modifi la statuton estas studota de komisiono konsistante el S-ino BODARD, S-roj BERNARD, CHAGNOUX, ROUGETET kaj THIERRY

7) La konsilio estas informita pri diversaj agadoj kiuj celas al ĝenerala informado de la publiko.

8) La konsilio decidis okazigi sian venontan kunsidon la 5-an de aprilo je la 9-a matene en la Kastelo de Grésillon (dum la Kultura Semajno).

T U R I S M O
=============

La aùstra regiono "STIRIO" kaj la franca provinco BOURBONNAIS eldonis faldfoliojn kun aldono de teksto en Esperanto.

Oni memoru ke Franz Schubert komponis en 1819 la TRUTKVINTETON en la regiono de STIRIO, kiu situas inter Danubo kaj Ermontaro.

La provinco BOURBONNAIS nomas sin "ideala restadejo por la kvar sezonoj"; tie oni trovas ebenaĵojn, montaron, arbarojn, lagetojn, ripozadon "en verdaĵo".

Oni petu la unuan faldfolion kontraù 1 rpk de IEMW, Hofburg - VIENO; la duan de ESSI en MOULINS (Allier), verŝajne senpage.

xmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxm

# VIVA DE LA GRUPAJ

ANGERS - Intervjuo de S-ino CHEVERRY
====== Prezid. de "Cercle Esperanto-Klubo UNESCO" pri la kongreso en Sofia, antaù la mikrofono de Radio - Rennes inaùguris nian agadon 1963/64

S-ino CHEVERRY faris ankaù paroladon kun diapozitivoj pri la sama temo dum la informa kunveno kiu malfermis niajn kursojn.

Kelkaj personoj enskribiĝis por la elementa kurso, kiu okazas ĉe la sidejo de la "Urbaj Kursoj" ĉiu semajne. Alia kurso okazas en la knabina teknika kolegio por grupeto da lernantinoj.

S-ro FRANGEUL prelegis pri esperanto (kun diapozitivoj kaj ekspozicieto de libroj kaj revuoj) por la 4-a klaso de la Instruista Seminario La ĉeestantoj ricevis diversajn flug foliojn kaj lernlibretojn.

La 10-an de Decembro okazis kultura vespero pri Jugoslavio kun 50 personoj. Programo: legado de mallongaj tekstoj en esperanto, aùskultado de diskoj (folklora muziko), ekspozicieto en la ĉambrego, projekcio de koloraj filmoj franclingvaj prunte-donitaj de la Jugoslava turism-oficejo en Parizo.

Okaze de la 15-a Datreveno de la Universala Deklaracio pri Homaj Rajtoj, ni sendis leterojn dulingvajn, (por manifesti nian fidelecon al tiu deklaracio) al UNO kaj UNESKO.

Ni antaùvidas kulturajn vesperojn pri Hungarujo kaj Nederlando k. aperigos informojn kaj artikolojn en la loka gazetaro.

Dank'al ricevitaj subvencioj, ni aĉetis magnetofonon, novajn librojn (i.a. La Dia Komedio) kaj sendis dokumentaron al diversaj personoj kaj medioj.

Tamen la indiferenteco de la publiko estas grava problemo, kiu nepre postulas tie seriozan informan kaj propagandan agadon laù modernaj metodoj en ĉiuj medioj.

ANGOULEME - La ĝenerala kunveno de
========= la ĉarenta esperantista Asocio okazis la 24an de novembro en lernejo Grand - Font. La estraro por 1964 estas: S-ro LAURENT, prezidanto S-ro TIRON, sekretario, S- BOUDROIE, kasisto, S-ro BEJAR, redaktoro de la bulteno "ĉarenta esperantisto".

La Asocio intencas organizi du interregionajn renkontiĝojn: la 10an de Majo en Confolens, la 14an de junio en St-Georges-Royan.

Post la komuna tagmanĝo, la Prezidanto rakontis sian vojaĝon al Bulgario kaj Nigra Maro, okaze de la Sofia Kongreso de U.E.A. kaj projekciis lumbildojn.

CALAIS - Kunlabore kun Britaj kaj
====== Belgaj esperantistoj, la nova klubo organizos "markolan" Kongreon, kiu okazos de la 28-a ĝis la 30-a de marto. Informejo: ESPERANTO, 178 chemin Castre - Calais.

L I L L E - La klubo partoprenos la
========= ĉefajn aranĝojn de 1964 kaj daùrigos inviti laùeble aktivulojn el diversaj landoj. Krome estos

esperantista tago dum la internacia komerca foiro, lige kun la Nordfranca Federacio (aprilo).

LYON - la 15an de decembro S-ino GO-
==== NIN faris tre interesan paroladon pri la verko de Julio Baghy; pluraj membroj kaptis la okazon por aĉeti multajn librojn.

La grupo memorigas ke S-ro Lemaire vendas nuntempe la lastajn globkrajonojn "Esperanto" (prezo: po l F por tri krajonoj).

NORDA FEDERACIO - La prezidanto me-
=============== morigas pri la ekzisto de la federacia biblioteko. La membroj sin turnu al li, se ili deziras legi bonajn librojn senpage dum la vintraj vesperoj.

TOURCOING - S-ro BOUQUIN eldiris la
========= fest-paroladon dum l a oficiala inaŭguro de la Esperanto - Ekspozicio aranĝita de S-ro DELCOURT kun la patronado de U.F.E. S-ro PHILIPPE, ties honora prezidanto ĉeestis la ceremonion. Okazis radio-intervjuo de S-roj DELCOURT kaj BEN WEBER, kaj 20 gazetartikoloj aperis kiuj raportis pri la evento.

ROUBAIX - Junulara asocio organizis
======= liberan debaton pri esperanto kun partopreno de franca kaj ĉeĥoslovaka esperantistoj. La taga gazeto NORD - ECLAIR publikigas informojn en siaj lokaj kaj junularaj paĝoj. Lastaperintaj artikoloj temis pri "Fraŭlino Esperanto" kaj vizito ĉe Heroldo de Esperanto.

STRASBURGO - La 15-an de decembro la
========== "Amikaro" festis la nas kiĝdaton de nia Majstro. Kvardek personoj partoprenis tiun kunvenon. Post la festparolado de la prezidanto Sro CUENE, dum kiu tiu ĉi klarigis la funkciadon de la diversaj esperantaj organizaĵoj kaj la celoj de nia movado, parolis ankaŭ S-ro DENTINGER, kiu trovis la vortojn kortuŝajn por inviti la ĉeestantojn ĉiam pli fervore agi por nia bela idealo.

# RECENZOJ

L'EDELVEJSO kaj la TRI VAGABONDINOJ- teatraĵeto de P.Delaire, desegnoj de A.M.Lepère-Vannier - Eld. C.N.E.O. - Orléans - 60 paĝoj.

Sro DELAIRE senlace daŭrigas sian beletran aktivecon. Post du gravaj lernolibroj kaj bonstilaj tradukaĵoj li nun donas al ni originalan verketon, kiu estas morala kaj poezia ferakonto. Dank'al la amo, kiun tri mizeraj knabinoj montras al la florreĝino, ili fariĝos feliĉaj.... Sed, ne eblas prezenti tiun ĉi verketon pli bone ol li faris mem en la antaŭparolo: "Mi volis ĝin iom ĉarma kaj mirveka, esperante ĝin taŭga por komencantoj kaj ankaŭ por tiuj kiuj ŝatas la simplecon de la bonaj koroj sen ornamaĵoj, lukso kaj afektaĵoj".

La dua parto de ĉi tiu libreto estas kolekto de diraĵoj kaj sentencoj pri la amo, elektitaj el la sanktaj libroj en ĉiuj religioj kaj el la beletraj verkoj de ĉiuj popoloj. Kaj oni konstatas ke ĉiam kaj ĉie la amsento estas identa...

L E G R E E
=========

EDMOND PRIVAT: Aventuroj de Pioniro. Personaj rememoroj - Enkonduka noto de H. Vatré - Kovrilo de D.H.Young - Stafeto: Beletraj Kajeroj 17 - Eld.: J. Regulo, La Laguno - 1963. I2 x19 cm. 162 (144+18 bildo)-paĝoj -Eldonnombro: 2000.

Tiu libro entenas la tekston de 50 prelegoj faritaj ĉe la svisa ra dio dum 1961 - 62. Kiel promesas la titolo, temas pri junecaj rememoroj
==============================

TOURCOING - Konsentite kun "Lille -
========= Esperanto", la Klubo de Tourcoing fariĝis sendependa sekcio. La unua komitato konsistas el S-roj DELCOURT, VINCKIER, GILOTEAUX, RINGOTTE, A.DELCOURT, STRAGIER, LELIEVRE

de la konata Esperanto-pioniro. Ĵurnalista stilo, rapida sinsekvo de la aventuroj. Temas ja pri aventuroj: 16-jara, Privat ĉeestas la Bulonjan kongreson, 18-jara li estas en Usono kie li renkontas W.Hames kaj T. Roosevelt. Poste venas la interesplena kaj danĝera ĵurnalista laboro tra tuta Eùropo dum la unua mondmilito. Poste la renkontoj kun W.Wilson, Carnegie, Clémenceau, la konatiĝo kun R. Rolland kaj Ghandi, la laboro en la Ligo de Nacioj (kun kelkaj interesaj detaloj pri la sinteno de la registaroj al Esperanto), la konstanta batalo por ĉiuj "utopioj": libereco por Pollando, por Hindujo, por la koloniaj landoj, voĉdonrajto por la virinoj, mondfederalismo, mondlingvo...

Ĉiuj samideanoj certe legos kun intereso kaj profito tiun veran aventurromanon de la antaù nelonge malaperinta pioniro.

M. DUC.GONINAZ.

===============

INFORMO AL LA MALSATULOJ: Kutime oni nomas sandviĉo tranĉaĵon de porkaĵo, inter du tranĉaĵoj da pano. Sed ĉu vi konas la "danan sandviĉon"? Ĝi konsistas el unu sola buterpano sur kiu oni surmetas diversspecajn viandojn, fiŝaĵojn, legomojn, ovojn, ktp

Se vi deziras scii pretigi 85 specojn de tiaj sandviĉoj, petu la mirindan multkoloran broŝuron "Danaj Sandviĉoj" al U.F.E. 34, rue de Chabrol - PARIS (aldonu 0,25 p.m.)

Sed, se vi nur deziras montri al la eldoninto de ĉi tiu broŝuro, ke li pravis uzi esperanton en siaj propagandiloj, skribu senpere kaj senmalfruiĝo al "PLUMROSE Ltd", 26 St-Annae Plads - KOPENHAGO (Danl.)

LEGREE

## K I O  E S T A S  K. P. V.

================================

En ĉi tiu por Esperanto tiom favora tempo, ni ĉiuj rekonas la grandajn meritojn de nia Avangardo, de niaj Pioniroj, pro kies fido kaj sindonemo nia movado sukcesis travivi sian malfacilan kaj minacplenan infanecon.

Ĉar pluraj dekoj el plej unuaj estas ankoraù vivantaj, - kaj pro la fakto ke jam en la plej malgranda vilaĝo taùga magnetofono estas disponebla - ni kaptas la okazon atentigi vin pri la ekzistado kaj celo de la KONSERVEJO DE PIONIRAJ VOĈOJ.

K.P.V. stariĝis en Londono sub la aùspicioj de la Londona Klubo (kaj kun aprobo de S-ro LAPENNA) honore al niaj meritplenaj Pioniroj.

Ĝia celo estas konservi por la posteularo la voĉojn (surbendigitajn), krome fotojn - prefere diapozitivojn - kaj biografiajn notojn,

unue: de tiuj inter el ni, kiuj fariĝis Esperantisto jam en la antaùa jarcento,

due: de tiuj eminentaj ESperantistoj pli junaj, tamen Pioniroj en specialaj medioj kaj fakoj;

plue: kolekti ekzistantajn registrojn de voĉoj de Pioniroj jam mortintaj.

Por realigi tiun gravan celon, ni urĝe bezonas la helpon de multaj gesamideanoj, al kiuj ni donas ĉi tie tektinajn notojn:

registro estu farata per dutraka maŝino; je la rapideco de 19 cm/sek. prefere aù 9,5 cm/sek. de maldekstre dekstren, dum la daùro de 30 minutoj maksimume: eĉ kelkminuta parolo estos bonvena. Sed la bendo estu NOVA, elstare bonkvalita. Kelkminuta enkonduko de registranto (aù alia) estas dezirata.

Pro evidentaj kialoj, ni ne povas konsideri fari kopiojn.

Peter SCHILPEROORD, 101 Langbourn Avenue - Highgate - LONDONO /N-6

## #TEJO#

La 20-a I.J.K. fakte okazos en du medioj: la dumtaga programo okazos, plejparte en Amsterdam kaj en la konata Anne-Franck-Domo, sed dumnokt la litoj kaj aliaj allogaĵoj de la junulargastejo en antaŭ-urba vilaĝo Broek atendos la kongresanojn. Tiel, oni kombinos la grandurbajn plezurojn kun la kampara sereno.

El Hago, urbo de la 49a U. K. speciala aŭtobuso veturigos la gejunulojn al Amsterdam je reduktita tarifo. Aliaj venante vagonare aŭ sur privataj radoj trovos akceptantojn en la Centra Stacidomo.

La L.K.K. speciale bonvenigas kapablulojn en (kant-ig)a, oratora danca, kabareda muzika, teatra k. aliaj fakoj.. Ili bonvolu averti la L.K.K. pri siaj eblaj partoprenoj en la programo jam antaŭ la 1-a de marto. Tiu sinanonco ne devas esti jam definitiva sed informos nin pri la proksimuma amplekso de via partopreno.

Kotizoj: ĝis la 31a de marto:
========
malpli ol 20 jaraj..........F. 100,-
pli ol 20 jaraj..............F. 105,-

post la 31a de marto:
--------------------
malpli ol 20 jaraj..........F. 126,-
pli ol 20 jaraj..............F. 133,-

Ne-membroj de TEJO pagas 7 F. pli.

xx:xx:xx:xx:xx:xx:xx:xx:xx:xx:xx:xx:

### H O N O R I G O
==============

Nia samideanino, Sinjorino Marg. SANTREUIL ricevis la diplomon de "Chevalier du Mérite National Français".

Ŝi akceptu niajn varmajn kaj korajn gratulojn
=====================================

### LES MYSTERES ROSICRUCIENS
=========================

Tous ceux qui aspirent sincèrement aux grandes vérités, désirent améliorer leur existence grâce à une connaissance traditionnelle de la Rose-Croix perpétuée aujourd'hui par l'Ordre rosicrucien AMORC, peuvent demander l' envoi gratuit du livre "La Maîtrise de la Vie". Il est envoyé sans engagement à quiconque s'intéresse aux plus hautes lois de la nature et de la science mentale.- Adresse: SCRIBE III - Ordre rosicrucien AMORC - 56 rue Gambetta à Villeneuve-St-Georges (S & O). (Joindre 2 timbres pour frais d'envoi).

(communiqué)

oxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxox

### NOVA REVUO EN ESPERANTO
=====================

Ekde januaro 1964 en Sofio aperas nova, dumonata 32 paĝa revuo RIPOZOJ (en esperanto), presata sur tre luksa papero en kvar koloroj, formato: 22x33 cm. Ĝia enhavo ampleksos distran kaj belartan legaĵon, artikolojn pri turismaj objektoj kaj somer restadejoj, pri sportaj eventoj, historiaj kaj kulturaj monumentoj ktp.. ankaŭ vizitoj reciprokaj inter bulgaraj kaj fremdaj esperantistoj.

Jara abono: 7,50 frankoj (ĉe U.F.E.)

momommomomomomomomomomomomomomomomom

### INTERNACIA NATURISTA ORGANIZO ESPERANTISTA

La ĝenerala kunveno de I.N.D.E. kaj partopreno en la Internacia Kongreso de INF/FNI okazos en Héliomonde, St-Chéron (40km for de Paris) de 11-a ĝis la 14-a de julio 1964.

Krome pasigu bonajn feriojn en naturistaj restadejoj. Interesatoj, turnu vin al S-ro A. BERTIN, 6 rue des Champs Blancs en YERRES (S & O). (FRANCUJO).

## N I A  F E L I O T O N O  (2)

### PIKU! PIKU! KAMARADO!

Internacia kaj Intererinaca Dialogo
franca-jugoslava (verkita de IMBERT)

J.- Bone, ni pritraktu la temojn laŭ la ordo de ilia graveco.

F.- Komprenite kaj konsentite. Do, unue pri la manĝoj. Malgraŭ la diverseco de siaj politikaj reĝimoj, Jugoslavoj kaj Francoj havas tion komunan: ili manĝas. Tamen, dum Jugoslavoj manĝas pro natura bezono, Francoj manĝas pro ŝato. Pro tio ke; de la plej juna aĝo ĉiu franca infano tion scias, la franca kuirarto, estas la plej bona en la mondo!

J.- Pro tio ke ĝi similas al la kanibala? ŝajnas ke la Francoj uzas fajron nur por hejtado, kaj tute ne por kuirado, se oni juĝas laŭ la franca bifsteko, ankoraŭ sanganta de la bestobuĉo. Ni, en Jugoslavio, kuirigas viandon...

F.- Kun permeso, mi ĝustigu: vi ekkuiras viandon, plukuiras kaŭĉukon, kaj finkuiras celofanon. Vere estas interesaj industrioj pri kiuj Norda kaj Suda-Vietnamioj kune povas envii vin, aŭ pli ĝuste ĵaluzus vin, se vi restus ĉe la kaŭĉuka stadio. Kaŭĉuko ankoraŭ havas guston.

J.- Vi vere estas severa. Sed ĉu vi jam provis poŝumitan viandon?

F.- Vi ja trafe parolis pri provo. Enkaŝi bovidaĵon aŭ porkaĵon en patkukan paston estas salutinda originalaĵo. Tamen, eĉ kun olea aŭ ova aldono, celulozo restas celulozo. Cetere kun via poŝumita viando, mi havis antaŭnelonge malagrablan travivaĵon. Sed el ĝi, mi almenaŭ malkovris la esencon de la utileco de tiu kuira sistemo: ĝi rezervas surprizon al la manĝanto.

F.-...Por mi malfeliĉe tiu surprizo estis elreviga, ĉar anstataŭ bovidan celulozon mi devis engluti ostaĵojn de karpo.

J.- Ĉu vi do ne ŝatas fiŝon?

F.- Mi amegas ilin, en akvario. Nu, ĉar mi nun parolas pri akvo, ni parolu pri supo. Mi tamen ne kritikas la kvaliton de viaj supoj, sed nur la kapalpiedan logikon manĝi supon tagmeze, ĝuste kiam estas plej varme
Ĉe ni supo estas antaŭ ĉio vespera varmigaĵo - Nu, supon mi ankaŭ nomus la tiel kutiman fazeolaĵon - kiun Jugoslavoj konsideras kiel nutran kaj malmultekostan. Mi ne kontraŭdirus ĝian nutrivon, nek ĝian melomanion. Tamen, mi protestas kontraŭ la epiteto "malmultekosta". Por mi en memservejo fazeolaĵo kostas 450 dinarojn. Ĝi nome estas tiel spicita, tiel faŭkŝira, ke mi kun ĝi devas nepre trinki du litrojn da ruĝa vino. Nu, kalkulu: kokaĵo kostas nur 200 dinarojn kaj kun ĝi sufiĉas unu litro!

J.- Sed kokaĵo estas danĝera, ĉar ĝi povas virigi virinojn kaj virinigi virojn. Imagu la prezidanton de nia Esperanto-grupo kun jupo kaj provokanta mamoduo?

F.- Tikla temo, lasu! Ni revenu al la vino. Mi tre admiras la ŝparemon kaj ŝparscion de jugoslavaj vitokulturistoj. Laŭ la regionoj, la vinon ili ĉerpas el Danubo aŭ Savo - rivero kun providenca nomo - aldonas kelkajn kilogramojn da sukero, fermentigas...kaj vendas!

(daŭrigota)

# S E R V I C E   D E   L I B R A I R I E

## ETUDE et ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| L'Espéranto, cet Inconnu...... | 1,25 |
| Espéranto-Manuel .............. | 8,00 |
| Ni Parolu en Esperanto........ | 4,80 |
| Ludoviko en Nederlando........ | 11,00 |
| Esperanto fil d'Ariane........ | 12,50 |
| Plena Gramatiko (vol.I)....... | 12,00 |
| Lingvo kaj Vivo (bindita)..... | 20,00 |
| Lingvaj Respondoj ............ | 7,50 |

## DICTIONNAIRES

| | |
|---|---|
| Légers - Albault (F + E)...... | 20,50 |
| Waringhien (E + F)............ | 33,00 |
| Lexique Léger (E + F)......... | 5,40 |
| Naùlingva Leksikono........... | 10,00 |
| Plena Vortaro de Esperanto.... | 15,00 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 3,00 |

## HISTOIRE du MOUVEMENT

| | |
|---|---|
| Le Docteur Espéranto.......... | 6.50 |
| La Esperanto-Movado........... | 3,00 |
| La Internacia Lingvo.......... | 8,50 |
| Leteroj de Zamenhof (2 vol.).. | 20,00 |
| Originala Verkaro............. | 18,00 |
| Historio de la Lingvo Esp°.... | 8,50 |
| Vivo de Zamenhof (Privat)..... | 4,50 |
| Zamenhof (M.Boulton).......... | 19,00 |

## LITTERATURE

| | |
|---|---|
| Angla Antologio............... | 14,00 |
| Akbar (Brouwer)............... | 5,50 |
| Aventuroj de Marteno Drake.... | 4,50 |
| Bildlibro pri Bestoj ......... | 12,00 |
| Dana Antologio................ | 16,50 |
| Eroj (M.Boulton).............. | 12,50 |
| Esperanta Antologio (Poemoj).. | 21,50 |
| Fabeloj de Andersen........... | 15,00 |
| Fabiola..............broŝurita | 7,50 |
| Ĝoja Podio (Schwartz)......... | 6,00 |
| Héros existentialistes........ | 2,00 |
| Invito al ĉielo............... | 4,50 |
| Kiel akvo de l'rivero......... | 15,00 |
| bindita.. | 19,00 |
| Malsata ŝtono (Tagore)........ | 15,00 |
| La Naùzo (Sartre/Bernard)..... | 20,00 |
| Normandaj Rakontoj............ | 17,00 |
| La Dia Komedio............. | 50,00 |
| Peer Gynt (Ibsen).......... | 11,20 |
| Reĝo Edipo, Antigono....... | 10,00 |
| La Revizoro (Gogol)........ | 4.50 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy).. | 10,00 |
| Taglibro de Anne Frank..... | 11,50 |
| Topaze - ŝipego "Tenacity". | 10,00 |
| Tartarin de Taraskono...... | 7,00 |
| Virineto en Bluo........... | 3.30 |
| Vitralo (John Francis)..... | 6,00 |

## RELIGION et PHILOSOPHIE

| | |
|---|---|
| Tio, kion mi kredas (Rostand) | 3.00 |
| Maksimoj de la Rochefoucauld | 2,00 |
| La Nova Testamento........ | 3,50 |
| la Sankta Biblio........... | 12,00 |
| La Vivo de N.S.Jesuo (Dickens | 5,00 |

## GEOGRAPHIE et VOYAGES

| | |
|---|---|
| Aùstralio lando k. popolo.... | 3,50 |
| De Parizo al Lazura Marbordo. | 1,60 |
| Ekspedicio Kon-Tiki.......... | 18,50 |
| Kanako el Kananam............ | 11,00 |
| La Bela subtera Mondo........ | 10,00 |
| Nepalo malfermas la pordon... | 15,00 |
| Pariza gvidlibro ilustrita... | 3,00 |
| Ŝipestro rakontas............ | 8,50 |
| Tempesto super Akonkagvo..... | 11,00 |

## ARTS SCIENCES TECHNIQUES

| | |
|---|---|
| Atakoj kontaù ĝardenplantoj.. | 15,50 |
| Amuzo per Scienco............ | 6,00 |
| Retoriko (Lapenna)...bindita. | 16,50 |
| Sekretoj de la Marestaĵoj.... | 7,50 |
| Vivo de la Plantoj........... | 11,50 |

## DISQUES

Cours complet (6 disques plus
(7 livrets...... 80,00

Frais d'expédition et de poste:

20% jusqu'à 10 F. - 15% jusqu'à 20F. et 10% au - dessus. Les commandes sont à adresser avec les fonds à:
U.F.E. 34 rue de Chabrol - PARIS 10°
C.C.P.PARIS 855-35

---

S.I.T.E.C. imprimeur 188 fbg St-Denis PARIS 10     Le Gérant: J.GUILLAUME.